

# INTERNACIA ĴURNALISTO

ORGANO DE TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

VANKUVERO, la bela urbo de Kanado, en kiu okazos la 69-a Universala Kongreso de Esperanto 1984.
Se iuj estraranoj de TEJA sukcesos partopreni la kongreson, ili organizos tie TEJA-renkontiĝon.

jaro 23 • n-ro 2 • 1984

## TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

ESTRARO DE TEĴA:

Prezidanto - Walter Haberl
Radio Wien, Esperanto-redakcio. ORF,Poŝtfako 700,A-1041 Wien, Aŭstrio.

Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev - Esperov, 1680 Sofia, kv.Borovo, bl.219, vh.B, Bulgario.

Nikolaj Danovskij, Latvia SSR, 226614 Riga-14 ul.Ostrovskogo 4-4, USSR.

Tadros Megalli, D-8387 Rosenbach, Untrgafandorf, F.R. Germanio.

Ĝenerala Sekretario - Donĉo Ĥitrov, 1000 Sofia, ul.Han Asparuh 61, Bulgario.

Sekretario - kasisto por la okcidentaj landoj - D-ro Dino Fabris, Borgo Bossno 5, Citadella (Padova), Italio.

Membroj de la estraro: Olaf Thormodsen, Box 59 59550 Haugesund, Norvegio.

Danuta Jakubiec, Zelechowskiego 2/17, LI-30-124, Krakov Pollando.

- - -

Red. "INTERNACIA ĴURNALISTO"

Adreso: Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev Esperov, 1680 Sofia,kv.Borovo bl.219, vh.B, Bulgario. tel.56-58-77

Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Ĥitrov.

Teknika aranĝo: Georgi Dolapĉiev kaj Evgeni Georgiev

ENHAVO DE N-RO 2 - 1984



**Ni petas: la membroj de TEĴA, kie ne estas reprezentanto aŭ komitatano, bonvolu tuj elekti inter si konvenajn kolegojn por tiu ofico kaj sendi ilian adreson al la redakcio de "Internacia Ĵurnalisto". TEĴA-ano, kiu akceptas esti komitatano aŭ reprezentanto de TEĴA por sia lando aŭ regiono de sia lando, bonvolu informi la redakcion de "I.Ĵ". Se necese, la Estraro de TEĴA mem provizore nomos ilin.**

## TRADUKO EN ESPERANTO-ĴURNALISMO

Kelkfoje mi gvidis grupojn pri praktika arto-scienco de traduko dum seminarioj pri traduk-arto ĉe someraj junularaj E-tendaroj kaj partoprenis kelkajn ĵuriojn de traduk-konkursoj. Ĉio ĉi donis grandan "nutraĵon" por pripensi diversajn problemojn de tiu arto, kion mi enmetis en la monografion "Enkonduka vorto al traduk-arto".

Kaj nun,retrospektante la tutan fariton kaj relegante kelkajn interesajn artikolojn pri tiu temo, ekzemple, la artikolon de fama verkisto Sava Dangulov (en "Pravda" 17.II.1984) "Kun kredo je paco kaj je homo", mi denove mergiĝis en la pensojn pri fenomeno aŭ eĉ elemento de traduk-arto.

Eĉ en nia nerve febra epoko de nukleaj minacoj, kvazaŭ ŝipo, iranta tra tempesto, la tranĉanta ondojn aktivado en la sfero de traduko, mirigas kaj ĉarmigas. Ĉar ĝi estas ponto de popolo al popolo, de koro al koro. Temas pri tio, ke el la ekzistantaj multnombraj naciaj lingvoj, neniu el ili okupas pli ol 20% de la homaro. Kaj, sekve, almenaŭ 80% da ĉiuj kulturvaloroj de la homaro estas ricevataj kaj asimilataj de ĉiu individuo laŭ vojo de traduko. Kaj la mondo fariĝis pli legoscia kaj multe pli leganta ol ĝi estis antaŭ kelkdek jaroj. Tial por ĉiu E-ĵurnalisto estas tute klare senteblaj ĉiuj ĉi komunaj tendencoj en la mondo, kaj ankaŭ decamaniere respeguliĝas en "E-mondeto".

En la laboro de E-ĵurnalisto la traduko prenas grandan tempon, multiĝis kaj graviĝis interrilatoj, postulantaj tradukon.Forpasis multaj maljunaj tradukistoj. Junularo, kiu eksentis sin respondeca pri la sorto de la internacia lingvo, movado kaj kulturo,volas rapide trapasi la transan periodon de nescio al scio por povi plenmezure preni sur siajn ŝultrojn la sorton de IL, kaj la traduko estas unu el kardinalaj vojoj al rapida ekposedo de fajnaĵoj de la lingvo. Ĉio ĉi estas konsideroj, koncernantaj la formon de E-ĵurnalismo. Sed por la ĵurnalisto pli gravas la "enhava" aspekto de la problemo. Ja por E-ĵurnalisto traduko estas dominanta formo de laboro. Ĉiu esperantisto estas ĉiam ligita almenaŭ kun du lingvoj. Sed plejparto estas ligita kun pli ol du lingvoj.

Al ĉiuj estas konata traduko de materialoj el E en nacian lingvon por presi en nacilingva gazeto (kiel tion brile faris Ida Lisiĉnik - TEĴA-anino, antaùnelonge forpasinta en Kutaisi, Kartvelio). Precipe, kiam la nacia gazeto disponigas konstantan E-rubrikon (kion sukcese kaj multjare plenumas nia kolego Kazimierz Malycki en la gazeto "Ilustrovany kurier Polski". La dulingvaj gazetoj plenumas ambaù tradukojn el nacia lingvo en Esperanton kaj inverse. Kaj pure esperantaj gazetoj, krom originale verkitajn en E-materialojn devas multon esperantigi. La samo rilatas reale al redaktoroj de radio-gazetoj, kaj la samo en perspektivo atendas la redakciojn de televidaj gazetoj.

Estonte mi volus pritrakti du aspektojn de E-ĵurnalisma problemaro: soci-organizan kaj scienc-artan. Kaj tion mi intencas fari en sekvantaj artikoloj pri la sama temo. Kaj hodiaù mi volus fini tiun ĉi artikolon per jena penso, kiu hazarde venis en la kapon.

El analoj de E-historio radias nomo de unu verkema esperantisto, kiu certe estus membro de TEĴA kaj EVA, kies famaj verkoj estas tradukitaj 178 fojojn, kiu estis aùtoro de 57 romanoj kaj kies lasta romano, dediĉita al internacia lingvo, estis komencita, sed ne estis finita pro ties forpaso.

Mi pensas pri la granda franco - Jules Verne - kiu, laù informoj de UNESKO, estas la plej populara verkisto-esperantisto. En la pasinta 1983 jaro estis festata 165 jara jubileo de lia naskiĝtago. En la venonta 1985 jaro estos rememorata la 80a jaro post lia forpaso (kiu koincidas kun 80 jara jubileo de la Unua Universala Kongreso de Esperanto).

Estus tute alloke, se TEĴA iniciatus la kampanjon por ĉiuflanke prikonsideri la eventon, kaj precipe estus trafe noti tiun eventon per traduko de almenaù unu lia romano en la lingvon, al kiu li fordonis tiom da fortoj estinte senŝanĝa prezidanto de Amjena Esperanto-Societo en Francio.

Kaj precipe estus interese tralegi la nefinitan lian romanon pri Esperanto en Esperanto.

N. DANOVSKIJ

TRA LA **amaskomunikiloj**

**Neniigi la milittimigilojn, la maldignan malriĉecon kaj la subpremon!**

Sub la rubriko "Ekumena voĉo de Paco" revuo "Paco" de MEM(N° 6/1984) informas pri la okazinta diservo dum la 68a UK en Budapeŝto, taksante ĝin "Mikromodelo de harmonio", ĉar la diservon partoprenis pastroj de diversaj kristanaj konfecioj. En la dua parto de la informo "Por paco kaj vivo" skribas pri la timo, ke ... ĝi mortigas la homan spiriton, ke eblas atingi sekurecon per totalaj armiloj pli facile, ol per enkonduko de rilatoj de justeco kaj reciproka dependeco. Ke "...ke la fakta paco estas nedisigeble ligita kun justeco...", ke la malriĉeco estas maljusteco homa, ke "La subpremo en plej diversaj formoj, kiel ekz.rasismo, imperiismo, koloniismo, totalismo..."estas maldignaj, ke oni devas strebi je plifirmigo kaj protekto de nia homa familio."

...

Tio estas la streboj ankaŭ de ĉiuj liberpensuloj, de ateistoj kaj la honestaj homoj en la mondo: neniigi la milittimigojn, la maldignan malriĉecon kaj subpremon!

Nekonvene, neinde

La E-revuo "Espero el Koreujo" misinformas siajn legantojn. Jen kion skribas pri tio nia kolego Ŝiak B.Mamedov el Baku:

"Antaŭ nelonge mi vidis n-ron (sept.-oktobran 1983) de "La Espero el Koreujo". En ĝi mi trovis iujn interesajn materialojn. Sed,bedaŭrinde, oni multe skribas en ĝi pri "barbaraj landoj", kiu estas nekonvena por esperantista revuo. Des pli pri Norda Koreo, kio estas malvero. Sed "La Espero" kalumnie prezentis la tragedion kun la pasaĝera aviadilo Boeing 747 de KAL. La revuo skribas, ke soveta ĉasaviadilo paffaligis Boeing 747, ne sciante, ke ĝi estas pasaĝera. Kaj nenio plu. Sed la tuta mondo, eĉ la japanaj gazetoj skribas, ke la pasaĝeraviadilo eniris 500 km en la sovetan teritorion kun spionaj celoj kune kun alia (usona) spiona aviadilo RS-135. Tiamaniere la usonaj oficoj intence oferis la vivon de multajnenion sciantajpasaĝeroj. La soveta ŝtato oficiale esprimis siajn kondolencojn al la parencoj de la viktimoj kaj klarigis kiel ĉio okazis. Sed pri tio "La Espero" silentas.

Nekonvene, neinde estas skribi tiel kalumnie en E-revuo!

"Internacia Ĵurnalisto" nenion plu aldonos al tiu ĉi komentario de nia kolego Mamedov.

. . .

Ekologio, dezertigo kaj malsatego

La konstanta dezertigo de la tergrundo kaj arbaroj estas, pro homa neglekto, vere natura katastrofo, kiu provokas danĝeran malsategon kaj morton pro sekeco de miloj kaj milionoj da brutoj kaj homoj. La ekologio estas nobla scienco kaj agado. Pri tiu temo skribas s-ro Al.Cavalier sian ĉefartikolon, aperintan en "Informilo" (n-ro 6/1984) de Monda Fonduso de Solidareco kontraŭ malsato. La aŭtoro mem komprenas, ke la malsatego en la mondo kaj la dezertigo ne estas nur naturaj problemoj, sed estas ankaŭ del grave sociaj, sociologiaj, ekologiaj. Trafa estas la ekzemplo, kiun donas s-ro Cavalier mem kun Brazilio, kie oni ne prenis seriozajn rimedojn kontraŭ la sekeco: "...La bienaj strukturoj kaj iu politika povo (substreko de "I.Ĵ."), favora al kelkaj riĉaj terposedantoj kondamnis la popolon al malrapida morto..."

"Estas la dezertigo, efiko de freneza spiralo komparebla al tiu de la porarmila konkurado, komprenebla kaj ligita al ĝi, inter la"ŝtatoj estas la fonto de ambaŭ...", ĉar veras, ke la konkurado... La solvoj por tiu katastrofo, kies dimension oni neniam vidas, estas samtempe planedaj kaj lokaj..." - daŭrigas la aŭtoro.

Jes, tiel estas. Sed, se oni akceptus la proponojn de milionoj kaj miliardoj da homoj batalantaj por paco, senarmigo, neniigo de nukleaj, venenaj, bakteriologiaj, kosmaj armiloj, se oni ĉesigus la vetarmadon, se la surtera politika atmosfero trankviliĝus, la ŝtataj interrilatoj pliboniĝus, se..., la homaro ŝparus milojn da miliardoj da dolaroj, rubloj, liroj, frankoj ktp. Kaj tiun grandegan monon, oni povus dediĉi kaj distribui parte por la neevoluintaj landoj-ekspluatitaj kaj de iuj ekspluatataj ankaŭ nun, parte por ekologiaj celoj - kontraŭ la malsato, por plibonigo de la tera grundo kaj aero, por plibonigo de la homa vivo - konstruo de loĝejoj, lernejoj, malsanulejoj, ripozdomoj ktp. Tamen la politika povo ne devas esti en la manoj (klasoj) favoraj "al kelkaj riĉaj terposedantoj, bankieroj kaj posedantoj de porarmilaj uzinoj ktp...

Iv. Esperov

LA AMASINFORMILOJ - SERVE AL LA PACO KAJ KOOPERADO! *)

Kiel sciate, en Stokholmo komencis sian laboron Konferenco pri mezuroj por stabiligo de la fido kaj la sekureco inter la Ŝtatoj kaj pri malarmado en Eùropo. Konekse kun tio konataj internaciaj kaj landaj sociaj organizaĵoj kaj movadoj direktis al la Konferenco mesaĝojn, leterojn, telegramojn k.s.pri subteno de ties laboro kaj esprimas esperon, ke fine oni trovos manieron trankviligi la publikan opinion de ĉiuj popoloj per ellaboro de konkretaj rimedoj por plifortigi la sekurecon kaj realigi la malarmadon de Eùropa kontinento, estiĝinta dufoje iniciatinto de mondaj militoj.

Ankaù la Internacia Ĵurnalista Organizaĵo (sidejo en Prago) sendis memorandon al la Konferenco. En ĝi oni legas:

De post certa tempo la eùropaj popoloj vivas kun sento pri ĉiam pli granda minaco. Pro la dislokado de novaj usonaj misiloj en Okcidenta Eùropo kreskis ĝis ekstrema limo la danĝero de internacia konflikto kun neantaùvideblaj sekvoj. La neceso de komunaj agoj kaj akcepteblaj proponoj surbaze de reala ekvilibro de la fortoj havas unuarangan signifon por la eliro el la kreita situacio.

Kun bedaùro tamen oni devas konstati, ke iuj amaskomunikiloj ne nur ne aktivas en spirito de interkompreniĝo, sed eĉ kontribuas al kreo de malfido, al misprezento de la realaĵoj kaj tiamaniere plimalaltigas la ŝancon pri elimino de la militminaco. Simila pozicio troviĝas en plena kontraùdiro kun la deklaro de UNESKO pri la bazaj principoj rilate la kontribuon de amasinformiloj al fortikigo de la paco kaj de la internacia interkompreniĝo, pri la protekto de la homrajtoj kaj por batalo kontraù rasismo, apartismo kaj militminaco. La Internacia Organizaĵo denove subtenis per sia plena graveco la noblajn idealojn entenatajn en la menciita deklaro.

Ni ĝojus, se en la nomo de porpacaj idealoj kaj favore al interpopola kooperado la Stokholma Konferenco turnos atenton al

la ekskluziva signifo de tiu deklaro. Estus tre utile, se la Konferenco influus al la amasinformiloj favore al la esperoj de eùropaj popoloj kaj ties revo pri kolektiva sekureco.

*) Memorando de Internacia Ĵurnalista Organizaĵo (IĴO).

- - - - -

## El la scienco kaj la vivo

### ALKOHOLO KAJ INDIVIDUO

La alkoholo estas protoplasma veneno por la nerva sistemo de la homo. La viktimoj de l'alkoholo estas pli multnombraj ol la viktimoj de ĉiuj ĝisnunaj militoj. Tiu speco de narkomanio enŝteliĝas nerimarkite en la homan vivon.

La enpenetro de l'akceptita alkoholo komenciĝas en la stomako, poste transiras al la encefalo kaj fine al la hepato. Ĉie ĝi provokas malbonajn efikojn sur la koncernajn organojn. Oni nomas tion intoksikado (venenigo de l'organismo). Kiam la kvanto de alkoholo en la sangocirkulado atingas unu promilon ($1^{o}$/oo) la individuo jam estas ebriiĝinta kun ĉiuj eksteraj signoj, konataj al ĉiu. Pli alta koncentriĝo de alkoholo provokas gravan ebriiĝon, same konatan al ĉiu. Kaj koncentriĝo pli alta ol $5^{o}$/oo kaùzas morton. La hepato malsaniĝas kaj la alkoholuloj suferas pro hepata cirozo, kiu estas nekuracebla. Pli oftaj estas la damaĝoj en la nerva sistemo, respektive en la encefalo. Tiuj damaĝoj estas malpli bone konataj de la publiko. Jen koncize la psikaj perturboj rezulte de alkohola intoksikado.

Ĉe kutima alkohola ebriiĝo la individuo konfuzas siajn membrojn - unuj el ili elstariĝas, aliaj perdiĝas. La morale-etikaj baroj malaperas. Oni ne respektas la labordisciplinon, la publikan ordon ktp, eĉ faras gravajn krimagojn.

Patologia alkohola ebriiĝo estas observebla ĉe engluto de ne granda kvanto da alkoholo fare de tre sentemaj individuoj. Laùekstere li ne aspektas tre ebria. Tiu ebriiĝo karakteriziĝas per maniaj pensoj pri seksa malfideleco de la partnero, iluzioj kaj halucinoj de diversa karaktero. La ebriiĝinto estas agresema kaj povas fari diversajn krimojn, pri kiuj poste li ne rememoras.

La kronika alkoholismo provokas degradiĝon de la homa personeco.

La perioda ebriiĝo estas observebla ĉe individuoj kun ŝanĝiĝema humoro. Dum certaj periodoj ili havas nerezisteblan inklinon al drinkado. Tio daŭras unu-du horojn, unu-du tagojn aŭ semajnojn kaj poste dum longa periodo ili eĉ abomenas. Bedaŭride ili ofte ekhavas halucinozon, vid-aŭdajn trompojn kaj perdon de konscio kun ĉiuj malbonaj sekvoj.

La latina termino Delirium tremens (delira tremetado) signifas staton post longjara uzado de alkoholo. La konscio estas modifita. La malsanulo estas time-streĉa, kolerema kun aŭdaj trompoj. Timo kaj ĝojo miksiĝas. Aperas ankaŭ epileptikaj konvulsioj - signo de fatala vivofino.

La alkohola halucinado (halucinozo) karakteriziĝas per netuŝita konscio, tamen per aŭdaj halucinoj.

Ĉe la tiel nomata psikozo de Korsak rezulte de alkohola damaĝo la malsanulo sentas dolorojn en la nervoj de la manoj kaj kruroj. La memoro pri freŝaj eventoj malfortiĝas, sed ĝi konserviĝas pri pasintaj eventoj. La malsanulo estas mensogema, sed mem kredas tion kiel veron, perdas orientiĝon pri tempo kaj loko.

Alkohola paranojo prezentas alkohole kondiĉitan ĵaluzon al la partnero akompanatan de suspektemo kaj kreo de frenezeta sistemo plene senbaza kaj falsa.

Alkohola epilepsio prezentas svenojn kaŭzitajn de alkohola intoksikado kun ĉiuj damaĝaj kaj fatalaj sekvoj.

La lukto kontraŭ la drinkado kaj kune kun tio kontraŭ la ebriiĝo estas lukto por homa feliĉo kaj sano. La leĝo traktas pli severe krimojn faritajn en ebria stato. Sed la ĉefa faktoro en la lukto kontraŭ alkoholismo estas la homa intelekto, la vigla perspektivo pri kontento de si mem kaj de la ceteraj homoj, t.e. de la socia medio. La problemo tuŝas la sencon kaj la signifon de la homa vivo. La prudenta, la laborema kaj kun belaj impulsoj en sia animo individuo ne povas estiĝi alkoholulo, ĉar la alkoholo estas perfida malamiko de la homa specio. La alarmo estas motivita, la prijuĝo - insista.

Kandidato de medicinaj sciencoj

d-ro P.Petrov



**Sincera saluto de la alta protektanto de 36-a IFEF-Kongreso - la Ministro de l' transporto s-ro Vasil Canov al la prezidanto de IFEF s-ro Joachim Giessner (FRG).**

## TEĴA-ANOJ AKTIVADIS
## DUM LA 36-a IFEF-KONGRESO

Por pli vaste respeguli la varian programon de la 36-a Kongreso de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) kaj por disponigi kompetentan informon al la partoprenantoj, al la gastoj kaj al la reprezentantoj de amaskomunikiloj en Bulgario kaj eksterlande, dum la kongresaj tagoj funkciis Kongresa Gazetara Servo, gvidata de Donĉo Ĥitrov, prezidanto de ILEF kaj Ĝenerala sekretario de TEĴA. Al la Gazetara Servo, kiu eldonadis en Esperanto belaspektan, informoriĉan bultenon, kunlaboris multaj bulgaraj kaj eksterlandaj ĵurnalistoj - membroj de TEĴA, al kiuj ni esprimas niajn kolegajn dankojn.

La Gazetara Servo organizis du konferencojn - en Sofio, la 7-an de majo j.k., kaj en la kongresloko mem - "Suna Bordo" ĉe Nigra Maro, la 11-an de majo j.k. Ambaŭ konferencoj, gvidataj de Donĉo Ĥitrov, estis amase vizititaj de ĵurnalistoj kaj pasis tre sukcese.

Ĉiuj ĉefurbaj kaj distriktaj amaskomunikiloj - gazetoj, radiostacioj kaj televizio donis riĉajn informojn pri la preparlaboroj kaj pri la kongreso mem.

Altan pritakson pri la du konferencoj kaj pri la laboro de

la Kongresa Gazetara Servo faris la prezidanto de IFEF s-ro Joachim Giessner (FRG):

"Mi estas agrable surprizita - li diris- ĉar dum mia pli ol 30 jara aktivado en la esperantista fervojista movado mi neniam partoprenis tiel bone organizitajn kaj amase vizititajn gazetarajn k-onferencojn. Forte min impresis ankaŭ la laboro de la Kongresa Gazetara Servo kaj la enhavoriĉa belaspekta kongresa bulteno, pro k-io mi dankas ĉiujn TEĴA-kunlaborantojn.

Mi esperas, ke la laboro de nia ĉi-jara kongreso, okaze de la 75-jariĝo de IFEF, nepre kontribuos al la plua paca kunlaborado inter la esperantistoj-fervojistoj en ĉiuj landoj".

* * *




## ILEF - ANOJ KREIS DOKUMENTAN FILMON PRI LA 36-a IFEF-KONGRESO

Decidite de la Loka Kongresa Komitato de la 36-a IFEF-kongreso, filma skipo de la Bulgara Sekcio de ILEF (Internacia Ligo de Esperantistoj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj) kreis plenlongan dokumentan koloran 16 mm filmon, kiu spegulis la aranĝojn de la kongreso kaj estas valora dokumento pri tiu grava internacia kultura E-evento.

La scenaron de la filmo verkis Donĉo Ĥitrov - prezidanto de ILEF kaj ĉefo de la Kongresa Gazetara Servo.

La filmo estas sonigita en Esperanto. La projekciado daŭras 35 minutojn.

Kopioj de la filmo estas mendeblaj ĉe Bulgara Esperantista Asocio - bul. Ĥristo Botev 97, 1303 Sofio.

Prezo por unu kopio - 300 usonaj dolaroj.

\- - - - - -

POEZIO

## LETERO AL MALTO

Por Carmel Mallia kaj John Vella-Bondin, akrostike

Min gvidas vortoj ĉarm-teneraj,
Amikaj, kantaj kaj intimaj,
Landlimojn traflugantaj, teraj,
Tutmondpacigaj, plej sentimaj,
Omaĝaj al maltanoj saĝaj.

Valoras agi senprokraste,
Esperon verdan disvastigi,
Renaskon gentan realigi,
Direkti interligojn vaste,
Ardece startu vi, bonfartu!

Sofio, Bulgario

Asen Josifov

## SALUTOJ DE NIA PREZIDANTO

Karaj amikoj, estimataj gekolegoj!

Pardonu al mi, ke mi reagas apenaŭ nun. Dankon al ĉiuj vi, kiuj sendis salutojn okaze de la nova jaro. Mi sentas la agrablan devon elkore reciproki al vi kaj krome esprimi al vi ĉiuj plej bonajn bondezirojn rilate al la nova agadjaro. Estu por vi 1984 sukcesplena kaj ĝojiga ĉiurilate. Sed tio dependas de la situacio en la mondo. Ni ĉiuj bondeziru al la homaro pacon kaj interkomprenon. Estas ja niaj devo, klopodoj kaj laboro por realigo de tiu nobla celo.

Sincere via - Walter Haberl



Kolego W.Haberl parolas esperante antaŭ la mikrofono de Radio Wien.

## La ĵurnalismaj principoj de nia prezidanto

1. Informi objektive la publikon pri la vero.
2. Konservi (aŭ flegi) kaj plimultigi la kulturajn valoraĵojn.
3. Provizado de la homoj per vivnecesaj faktoj (rilate la sanon).
4. Kontribui al la monda paco.
5. Kunlabori mondskale por interŝanĝi spertojn por la bona vivo de la homaro.
6. Disvastigi konojn pri la leĝoj de la naturo.
7. Pligrandigi la reciprokajn toleremon kaj amon inter la homoj.

* * *

## Opinio de nia ŝatata eksprezidanto

Jam pasis multaj monatoj depost nia TEĴA - jarkunveno en Budapeŝto. Estis vere tre ĝojige renkonti tie tiom da kolegoj el relative multaj landoj. Mi estas kontenta, ke s-ano W.Haberl el Vieno prenis sur sin la taskon prezidanto de nia TEĴA, ĉar vere tre multe da jaroj mi funkciis en tiu ofico. Daŭre mi havas la okazon kunlabori kun la estraro kaj tio estas ĝojiga. Certe la renovigita estraro estos ege laborkapabla kaj mi deziras al vi fruktodonan agadon... ĉar certe multo estas farenda. Kaj kontribuaĵoj estas bezonaj por "Internacia Ĵurnalisto".

Mi notas kun ĝojo la informon pri tio, ke la organo ekde nun aperos 4-foje kun kolora kovrilo. Ĝojige estas ankaŭ, ke la estraro preparas novajn legitimilojn, aperigos projektostatuton por diskutado.

Via Olav Thormodsen

## EN LA FABELAJ LANDOJ DE MEZA AZIO

### FOTO-RAPORTAĴO

Fine efektiviĝis mia revo, per aviadilo, kune kun mia edzino, ni forflugis al Moskvo, kie ni por kvina fojo jam vizitis kaj observis la interesajn vidindaĵojn de la belega sovetunia ĉefurbo. Kaj poste - la sekvan tagon - kun nia ekskursa grupo, ni elflugis al la mirindaj mezepokaj landoj, al la Kazaĥa kaj Uzbeka sovetaj respublikoj. Kelkmiloj da kilometroj flugado kaj zumado kaj jen sub ni estas la vasta ĉefurbo de Kazaĥa SSR - Alma Ata kaj antaŭ ni iom maldekstre - blankas la glaciaj pintoj de la grandegaj montaroj Tjan Ŝan kaj Altaj.








ALMA-ATA
Hotelo Kazaĥstan

"Tri bravuloj" -
arkitektura komplekso

Komerca centro
en Alma-Ata

Por vastaj, interesegaj fabeloj estas necesaj vastaj multaj paĝoj de ĵurnaloj.Bedaŭrinde, ni nun devas kontentiĝi per mallongaj vojaĝnotoj - geografiaj,historiaj,kulturaj kaj ekonomiaj - sed per ĉarmaj vidindaĵaj bildoj.

Kazaĥstan - la dua laŭ tersurfaca grandeco respubliko de USSR- (2717,3 mil kv km) kun loĝantaro 15,2 mln da kazaĥoj. Dum la soveta reĝimo tiu iam ege malriĉa lando transformiĝis en disvolvitan industrian, terkulturan kaj kulturan landon.Sub la tero troviĝas neelĉerpeblaj mintavoloj kaj kuŝejoj de ercoj,petrolo, gaso ktp. Sur la tero - grandaj ebenaĵoj: stepoj kaj dezertoj, irigaciaj gren- kaj kotonkampoj, lagoj kaj riveroj. Nun la industrio produktas kvinoble pli m-

ulte ol produktis la tuta iama carisma Rusio. La popolo estis analfabeta. En la komenco de la nuna jarcento la sociologoj opiniis, ke Kazaĥstan atingos la evoluintajn landojn post 1600 jaroj. Kaj nun nur en Alma Ata estas Akademio de sciencoj, 13 superaj lernejoj, universitato, ĉirkaŭ 100 sciencesploraj institutoj kaj pli ol 80 industriaj uzinoj.

Jen la belega Alma Ata, la ĉefurbo, kies nomo signifas "patro de la pomoj", antikva kaj moderna, kiu troviĝas ankaŭ super la orienta parto de Ĉinlando kaj havas milionon da loĝantoj. Ni estis ankaŭ en aliaj antikvaj urboj, kie ankaŭ estas antikvaj - pli ol dumiljaraj historiaj domoj, kasteloj, maŭzoleoj, moskeoj, islamaj le-



Arkitektura monumento-maŭzoleo "Babaĝi-Ĥatun" de X jc. en urbo Ĉambul.



Hotelo-palaco "Moskvo" en Taskent

rnejoj, bazaroj. Tiaj estas la urboj Dĵambul (portanta nun la nomon de la fama popola bardo-kantisto), en Ĉimkent kaj en la antikvaj urboj de Uzbekistana SSR - la ĉefurbo Taŝkent (Ŝtonurbo), Buhara kaj la nevizititaj de ni historiaj urboj Samarkand, Ĥiva k.a. En Buhara verkis kaj instruis famekonataj mezepokaj filozofoj, poetoj, historiistoj, sciencistoj kiel la filozofo Farabi (872-950), Abu Ali ibn-Sin (Avicena) - poeto, filozofo, kuracisto (980-1037), la poeto Abdul la Rudaki k.a. Krome ni vidis samtempe tute modernajn konstrua-

ĵojn - loĝdomojn, palacojn-hotelojn, muzeojn, administrajn kaj institutajn ktp. Ja tiuj urboj kaj de najbaraj mezaziaj respublikoj kaj urboj estas konstruitaj laŭ la "Granda silka vojo", komencanta de Ĉinio, tra Hindio, Irano, ĝis la Proksima Azio kaj Nigra maro.

Tie ĉi estis la krucvojo de Orienta Azio ĝis Afriko kaj Eŭropo. Tie ĉi kruciĝis la vojoj de konataj konkerantoj Aleksandro la Macedona, Ĉingis ĥano, Tamerlan, Timur k.a. Tie ĉi kruciĝas ankaŭ la pacvojoj de la turistoj el la tuta mondo.



BUHARA
"Car-Minar". Enirejo de la islama lernejo "Halif Nijazkul" (XIX jc.



La komercaj (bazaraj) kupoloj - XVI jc.

La Uzbeka ĉefurbo - antikva, juna kaj moderna Taŝkent, kiel la aliaj urboj en tiu regiono estas konstruita sur danĝera tertrema tereno. Terura estis la tertremo frumatene antaŭ 17 jaroj, kiam dum kelkaj sekundoj ruiniĝis la duono de la miljara urbo. Pli ol 80 mil familioj restis sentegmentaj, sen akvo, elektrokurento k.a. Kaj dank' al la helpo de la sovetaj ŝtatoj kaj loĝantaro, de la socialismaj landoj por du jaroj la ruinoj estis forigitaj kaj konstruitaj 10-20 belegaj loĝejpalacoj, lernejoj, eltenantaj tertremon ĝis 9 gradoj laŭ Rihter. Kaj pri la uzbekoj oni skribis (Ĵurnalo "Eduko"), ke por likvidi la analfabeteco de la popolo estas necesaj 4600 jaroj. Sed por 3-4 jardekoj oni klerigis ĉiujn homojn - junajn kaj maljunajn, kaj en la lando estas 43 superaj lernejoj, 28 teatroj, k-

onservatorio kaj procente laŭ loĝantaro, la uzbekaj studentoj estas pli multaj ol ili estas en Francio kaj FRG. Sed tiuj sovetiaj popoloj ne estas en ne evoluantaj ekspluatataj afrikaj, aziaj k.s.landoj.

Similajn mirindaĵojn - fabelajn kaj modernajn - ni vidis ankaŭ en la alia granda uzbeka urbo Buhara. La plej mirindaj tamen estas la loĝantoj en tiu parto de USSR. La homoj estas liberaj, ĝojaj, kontentaj, kleraj, ne kiel iliaj geavoj - ekspluatataj, rabataj kaj mortigataj de ĥanoj, konkerantoj fremdaj kaj samnaciaj. En tiuj landoj frate vivas, laboras kaj prosperas kaj kazaĥoj, kaj uzbekoj, ankaŭ taĝikoj, armenoj, rusoj kaj aliaj 100 nacianoj, bonkoraj, afablaj kaj pacamaj loĝantoj.



**TAŜKENT**
**Belarta ekspozicia palaco.**



**Urbo Buĥara**
**Antaŭ mohametana lernejo. Dum 18 kaj 19 jc. oni punis kondamnitojn, ĵetante ilin desur la minareto, tiam nomata "Turo de la morto".**

Kaj fine - ree per la aviadilo al Moskvo kaj al Sofio. Lacaj pro la 10-milkilometra flugado kaj observado de fabelaĵoj, sed kontentaj de la neforgeseblaj impresoj.

Iv. KEREMIDĈIEV

REPLIKO

## LA VERO NE POVAS ESTI MORTPAFITA!

Pafoj de teruristo forprenis en Nikozio la vivon de elstara palestina publicisto kaj ĝenerala sekretario de Federacio de arabaj ĵurnalistoj Hanna Mukbil. En deklaro de la Reprezentejo de Organizaĵo por liberigo de Palestino en la cipra ĉefurbo oni emfazas, ke la pafmortigo estas farita de agentoj de la specialaj servoj de Izraelo.

Refoje viktimo de terurisma akto estas ĵurnalisto, kiu per sia plumo senmaskigis la krimojn de cionistaj okupantoj kaj de iliaj vaŝingtonaj protektantoj.

La vero ofte prezentas pafcelon por la kugloj de teruristoj en diversaj punktoj de la planedo. Honestaj ĵurnalistoj, kiuj per sia plumo malkovras la veron pri la krimoj de imperiistaj fortoj, estas mortigataj en Ĉilio, en Salvadoro, en Paragvajo kaj en.. La nomaro povas esti daŭrigata. Ili - honestaj ĵurnalistoj putras en la malliberejeoj de subtenataj fare de l'imperiismo reakciaj tiranecaj reĝimoj. Ili estas submetataj al persekutoj kaj perfortaĵoj, ĉar ili luktas por paco kaj interkompreniĝo de la popoloj, por sociala justeco, libereco kaj feliĉo por ĉiuj homoj tra la mondo.

Karandaŝ




OBJEKTIVA MISINFORMADO

Malantaŭ la ŝirmilo de demagogiaj fabeloj pri "libereco de la popolo kaj preseldonaĵoj" la reakciaj fortoj faras ĉion eblan por sufokigi la veron kaj kiam necesas eĉ pafi ĝin rektokule. Tiuj, kiuj traboris la homajn orelojn per fabeloj pri batalo kontraŭ la "internacia terorismo" inside pafas aliulojn, kiuj senmaskigas la faktajn teroristojn kaj malkovras iliajn celojn. La reakciuloj pagas grandegajn sumojn al

subaĉeteblaj mortigistoj cele al sufokigo de la voĉo de l'vero, al atenco kontraŭ la elementaj homrajtoj kaj demokratiaj liberecoj.

Sed la solidareco de demokrataj ĵurnalistoj en la tuta mondo, unuiĝintaj por komuna batalo kontraŭ la imperiismo por efektivigo de la idealoj de la paco, demokratio kaj sociala progreso estas pli forta ol la kugloj. La vero ne povas esti pafmortigita!

JURNALISTO

Redakcia noto: La Internacia ĵurnalista Organizaĵo (IĴO) protestis kontraŭ tiu ĉi fiago de izraelaj teroristoj.

* * *

## MALGRANDA SED VALORA TRIBUNO DE ESPERANTISTOJ

Temas pri la malgrandaj fabrikuzinaj, institutaj, oficejaj, vilaĝaj kaj aliaj etaj gazetoj, kiuj aperas ne en grandaj formato kaj eldonkvanto, kiaj estas la centra, distriktaj kaj aliaj amaskomunikiloj. Fervoraj E-estraroj kaj neprofesiaj ĵurnalistoj, ofte propra iniciate, lerte profitas la paĝojn de tiuj malgrandaj gazetoj, aperigante siajn artikoletojn, eseojn, informaĵojn, intervjuojn. Per tiuj siaj materialoj ili faras tre utilan propagandon de Esperanto, de niaj pri kaj peresperantaj aferoj. Tiamaniere la kolektivoj de la entreprenoj, oficejoj konatiĝas kun niaj lingvo kaj laboro, kaj multaj legantoj poste fariĝas bonaj esperantistoj.



Tiel efike profitas la organon de la Fervoja direkcio en Sofio "Fervoja tribuno" la fervojoficistino Verka Ŝtajner. Ŝi estas bona E-aktivulino kaj prezidantino de esperantista societo en la sistemo de la menciita Direkcio. Ekzemple, en n-o 8/1984 de la gazeto la redakcio aperigis sub la titolo "En la nomo de la paco kaj amikeco" sian intervjuon kun sia kolego Georgi Litov - elektroteknikisto, membro de IFEF. Li korespondas vaste kun multaj esperantistoj en ĈSSR, GDR, FRG, USSR, Finnlando, Kanado, Anglio, Argentino, Vjetnamio k.a. landoj.

Per siaj ricevitaj multnombraj leteroj-foto-kovertoj li ar-

anĝis ekspozicion en granda salono de la Kulturdomo de transportaj sindikatoj en Sofio, vizititan kelkajn tagojn de centoj da fervojistoj, sofianoj kaj sofiaj esperantistoj. La Sofia televizio prezentis la ekspozicion kaj intervjuis s-anon G.Litov.Per tiu sia agado kaj korespondado li ne nur propagandas Esperanton, sed kontribuas al interkonatiĝo de bulgaroj kun alilandanoj,kun ties historio,kulturo,vidindaĵoj,strebo al paco kaj amikeco.

Per alia sia kontribuaĵo,titolita "Intereso al Esperanto" en n-ro 15/1984 de la gazeto, Ŝtajner rakontas pri la aktivado de la fervojistaj esperantistoj antaŭ la Internacia kongreso de IFEF,kiu okazis poste tre sukcese apud la bela nigramara bordo en la feriejo "Suna bordo",Bulgario, vizitita amase de esperantistaj fervojistoj el 23 landoj. Grandan intereson vekis ankaŭ la longa intevjuo de Verka Ŝtajner kun unu el la fondintoj kaj agantoj de la fervojista E-movado en Bulgario Stajko Pisarov dum la 36-a IFEF-kongreso.

La neprofesia ĵurnalista aktivado de V.Ŝtajner estas imitinda modelo, rekomendinda al la esperantistaj aktivuloj de aliaj lokoj kaj landoj,kiuj devas utiligi la paĝojn ankaŭ de similaj etaj gazetoj en sia E-aktivado. "I.Ĵ" volonte montros la sperton tiurilate ankaŭ de aliaj niaj kolegoj - ne membroj kaj membroj de TEĴA.

"I.Ĵ."

- - - - -

TRA LA MONDO

"UNESKO-KURIERO" PRI LA LINGVA PROBLEMO

"Unesko-Kuriero", konata periodaĵo en 27 lingvoj, aperigis en 1983 specialan numeron pri lingvoj. La temtrakto ŝajnas esti geografie tutmonda, sed grandparte pritraktas eŭropajn kaj eŭrodevenajn lingvojn: de multlingvaj Afriko kaj Hinda Unio, diversajn variaĵojn de la angla kaj franca lingvoj, klasikan grekan lingvon, hispanan lingvan mozaikon. Laŭ la artikoloj en la numero oni povas konkludi, ke UNESKO celas stimuli la lernadon de alinaciaj lingvoj kaj tradukadon de alinaciaj literaturaĵoj.

En la tuta numero nenie troviĝas la vorto "Esperanto" . Unu artikolo en la gazeto mencias, ke centoj da homoj ja provis inventi "tiel nomatajn mondajn lingvojn". Sed ĝi aludas la ne-

deziratecon de ia "artefarita lingvo", kiu solvus la mondan lingvoproblemon.

Oni verŝajne ne ofte aŭdas parolatan Esperanton, ĉar esperantistoj mem ofte alparolas fremdulojn en grandaj naciaj lingvoj. Tasko de la esperantistoj estas informi regule diversajn instancojn, gravajn lingvistojn kaj amaskomunikilojn pri la Internacia Lingvo.

* * *

GDR

Pleniĝis 20 jaroj depost la fondo de Internacia Instituto pri ĵurnalistiko "Werner Lamberz" - lernejo de solidareco de la Internacia Ĵurnalista Organizaĵo (IĴO). Dum tiu periodo estis organizitaj 35 kursoj, en kiuj ĉirkaŭ 700 ĵurnalistoj el Afriko, Azio kaj Latin-Ameriko altigis sian kvalifikon. La instituto organizis ankaŭ kursojn el aliaj landoj, en kiuj partoprenis 2500 ĵurnalistoj el evolulandoj.

* * *

FRANCIO

Por forigi la koncentron kaj monopoligon de la enlanda gazetaro, la franca registaro voĉdonigis specialan leĝprojekton en la parlamento. Ĝi antaŭvidas, ke unu fizika aŭ jura persono nek povas posedi aŭ kontroli pli ol tri naciajn periodaĵojn por ĝenerala kaj politika informado, aperantaj almenaŭ foje monate, nek posedi aŭ kontroli pli ol unu nacian ĵurnalon de la sama speco.

\- - -

LA GAZETARO EN FRG

Laŭ la Federacia Statistika Servo, en FRG aperas 1216 ĉiutagaj kaj semajnaj periodaĵoj kaj 6486 aliaj periodaj eldonaĵoj. La suma eldonkvanto de la ĉiutagaj kaj semajnaj periodaĵoj estas 25 milionoj da ekzempleroj, el kiuj 16 milionoj estas distribuataj per abonoj.

SATELITO "EKRANO" EN USSR

En Sovetunio estas lanĉita nova artefarita satelito de l'Tero - "Ekrano". Ĉefa tasko de la satelito estas reemisii la programon de la Centra Sovetia Televizio sur decimetra ondolongo. La satelito troviĝas en preskaŭ konstanta orbito je 36 630 km de l'Tero. Ĉiu ĉirkaŭflugo de nia planedo efektiviĝas por 23 horoj 48 minutoj.

\- - -

## HUMURO KAJ SATIRO

### Anekdoto

En rapidtrajno du esperantistoj sidis unu kontraŭ la alia, ekkoninte sin per la insignoj verdstelaj - hungaro kaj franco.

Ce iu stacio la hungaro elvagoniĝis por trinki botelon da biero. Post reveno el la kajo li proponis al la franca najbaro ankaŭ fari la samon. La franco neis, timante ke li ne retrovos la vagonon, ĉar li nekapablas memorteni nombrojn. La hungaro diris, ke li ligu la vagonan numeron 1038 kun konata okazaĵo. En la jaro 1038 la hungara reĝo Stefan mortis.

"Tio estas bona ideo" - respondis la franco kaj elvagoniĝis. Kiam li revenis, la fervoja oficisto montris la signalon por ekveturo. La franco ekkriis: "Bonvolu diri al mi, kiam hungara reĝo Stefan mortis. Alimaniere mi ne trovos mian vagonon.

Tradukis: Oskar Stolberg

### HAZARDA RENKONTIĜO

Angla ĵurnalisto volis foti la prezidenton de Turka respubliko Kemal Atatjurk, sed tio neniam eblis. Foje li renkontis surstrate individuon, kiu ege similis al la fama ŝtatisto.

- Ĉu vi faros al mi etan komplezon? - afable petis la ĵurnalisto.

- Plezure - respondis ĝentile la nekonato.

- Vi ege similas al Kemal Atatjurk. Mi dezirus vin foti, sed tio devas resti nur inter ni, vi ja komprenas, ĉu ne? - konfidence lin konvinkis la anglo. - Mi estas preta pagi al vi.

Fotu min. Ne necesas pagi!

Post kiam faris la foton, la ĵurnalisto turnis sin al la nekonato:

- Donu al mi vian adreson, por ke mi povu sendi al vi rememoran fotaĵon.

- Skribu sur la koverton nur Kemal Atatjurk - respondis la nekonato. - Tio plene sufiĉas...

- - - = = = - - -

# Ricevitaj esperantaĵoj

- <u>Konservi la pacon por la nunaj kaj estontaj generacioj!</u> - Deklaroj kaj intervjuoj de Ĝenerala Sekretario de CK de KPSU, Prezidanto de Prezidio de Supera Soveto de USSR J.V.Andropov. 32-paĝa libreto kun kovrilpaĝoj, eldonita en Esperanto laŭ mendo de Unuiĝo de Sovetiaj societoj por amikeco kaj Kulturaj Ligoj kun Eksterlando. Eldonejo de Presagentejo Novosti (APN) 1983. Tradukis V.Arolović, redaktis D.Perevalov kaj L.Novjakova . Prezo 10 kopekoj.

- <u>Rondvojaĝo tra Bulgario</u> - ilustrita faldfolio pri kelkaj bulgaraj vidindaĵoj - la urboj: Sofio,Plovdiv,Veliko Târnovo,Ŝumen,Preslav,Pliska,Varna, la nigramaraj kaj montaraj ripozejoj kaj historiaj lokoj,Zlatni pjasaci (Oraj sabloj),Slânĉev brjag (Suna bordo),Rila monaĥejo,Borovec,Ŝipka (monumento). Eldono de Ŝtata komitato pri turismo,Sofio.

- Pioniroj kaj veteranoj de MEM - de la redaktoro de "Int.Ĵurnalisto" Nikola Aleksiev. 70-paĝa interesa libro - skizoj kaj rememoroj pri elstaraj MEM-agantoj Anton Balage,Semjon Podkaminer, Evgenij Bokarev,Tomaŝ Balda,Rudi Graetz,Surgen Sevak,Ludoviko Marton,Otto Bessler,Petro Poliŝĉuk,Nguyen Van Kinh kaj Konstantin Gusev.La libro estas ilustrita per pluraj fotoj.Eldonis Bulgara Esperantista Asocio kaj Bulgara MEM-Komitato,Sofio,1983 - jubilea jaro de la esperantistaj pacbatalantoj.

- <u>Mia kredo</u> 16-paĝa negrandformata broŝuro kun eltiraĵoj el la verko de Karl Marks "Pri la kritiko de la politika ekonomio" tradukitaj de E.Ockey kaj redaktitaj de Maitland. En la antaŭparolo kolego Maitland prezentas la opiniojn de Marks kaj Fr.Engels pri la materialisma doktrino, "la kerno de tio, kion oni nun nomas la marksismo".Eldonis: Esperanto Editions,Hasting, Anglio.

- <u>Bulgario</u> - turismaj informoj, n-roj 1,2,3/1984 - bulteno pri diversaj turismaj,historiaj,kulturaj k.a.vidindaĵoj kaj turistaj aranĝoj.Eldonas:Centro por turismaj eldonoj, 1000 Sofia, str.Triadica 4. La bulteno estas necesa al eksterlandaj turistoj kaj gastoj, kiuj vizitos Bulgarion.

- <u>Venu al Vankuvero, Kanado</u> por la 69-a UK de Esperanto! - Grandformata bone ilustrita kongresa prospekto kun bildoj .

Novaj membroj de TEĴA

- USSR,Azer.SSR,370126 Baku-126 s.Novije Aĥmedli,828-oj pro-jezd,d.54,kv.60, Aĥmatova Gju-lĉoĥra Ibrahimova.
- Deceunick-Bulleart, 3 Lusthui-zenlaan 1, Bus 4 B-1500 Halle Belgio.

El nia leterkesto

- J.Schulze-DDR. -Viaj leteroj ricevitaj.Dankon. Per "I.Ĵ." ni klariĝos la pagmanieron de kotizoj.Pri la E-G vortaro - jam estas presite aliloke.
- O.Stolberg-DDR.- Via humuraĵo nun aperas.Pri la jubileo de Schiler en iu sekva n-ro de "I.Ĵ." Ni atendas la longan artikolon.
- Ŝ.Mamedov-Baku.Pri pagmaniero ni skribos.Via adreso-korekt-ita.Dankon pri la saluto. Pri tio ni dankas ankaŭ al kolego Fiŝbejn.
- Fr.Maitrland.Dankon pri la b-roŝuro.Ni mencias ĝin en la nuna n-ro de "I.Ĵ."
- J.Kalinov - Ruse, C.Todorov - Sumen Ankaŭ adresoj korektitaj.
- Al ĉiuj,kiuj demandas pri pag-maniero de membro- kaj abonko-tizo, ni informas ilin per "I. Ĵ." Ili bv ne maltrankviliĝi.

Adresŝanĝoj de TEĴA-membroj

Jen novaj adresoj de niaj ko-legoj:

- Walter Haberl (prezidanto de TEĴA): Radio Wien,Esperanto-redakcio, Aŭstrio.
- Cvjatko Todorov,Bulgario, 9701 Ŝumen,str."Vladajsko ŝose" 20.
- Jordan D.Kalinov,Bulgario, 7005 Ruse,bloko "Babuna" A PK 23.

Rim.de la redakcio: Se niaj kolegoj sendas leterojn al mem-broj de TEĴA en Sovetunion aŭ en Bulgarion, ili devas skribi la nomojn (personan kaj fami-lian) en la fino de la adreso.

Radio-stacioj parolantaj en E.

- Radio Polonia,Esperanto-reda-kcio. Ok 46,PL-00-950 Warszawa 1, Pollando.
- Svisa Radio Internacia,Espera-nto-fako, CH-3000 BERN 15,Svi-slando.
- Radio Zagreb,Esperanto-redakcio, Juriŝĉeva 4,YU-41000 ZAGREB,Yu-goslavio.
- Radio Vatikana,Esperantoredak-cio,I-00120 CITTADEL VATIKANO.
- Aŭstra Radio - ORF,Poŝtfako 700 A-1041 Wien, Aŭstrio .

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

FRG

La partio de verduloj, kiu ĉe la lastaj balotoj eniris en Bundestagon (parlamento), intertraktas kun la eldonistoj de ĉiutaga ĵurnalo "Tageszeitung", por ke ĝi fariĝu organo de la partio. Nun la ĵurnalo aperas en relative negranda eldonkvanto - 30 000 ekzempleroj. Se la intertraktoj finiĝus sukcese, oni intencas pliigi ties amplekson ĝis 16 paĝoj, plivastigi la reton de korespondantoj, plimultigi la nombron de abonantoj inter la partiaj membroj k.t.p.

* * *

PAC-KONKURSO DE RADIO-POLONIA KUN VALORAJ PREMIOJ

La Pollanda Radio, kiu disaŭdigas ĉiutage sesfoje en Esperanto, festis la 4-an de aprilo 25-jariĝon de sia agado, organizis Packonkurson je temo: Kiaj pensoj kaj ideoj venas al vi lige kun kresko de la vetarmado, precipe lige kun la nukleaj armiĝoj? La laŭreatoj de la ĉefaj premioj partprenos la 10an de junio en la 9aj E-tagoj kaj en la Pac-tema seminario en urbo Bydgoszcz. La premioj estas 10 senpagaj estadoj en Pollando kaj valoraj objektoj.

La redakcio de "Int.Ĵurnalisto" varme gratulas la 25-jaran jubileon de la E-to elsendoj de Radio Polonia kaj salutas kore la E-kolegojn en la radio. Ni deziras al ili pliajn sukcesojn en sia grava por kaj peresperanta aktivado, petante ilin sendi informon aŭ artikolon al la redakcio de "I.Ĵ." pri sia radio-laboro esperanta. Adreso de Radio Polonia: Esperanto-redakcio, BOX 46, PL 00-950 Varsovio, Pollando. Presitan - senpagan programinformilon oni povas mendi ĉe la sama adreso.

* * *